# tempo

Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Časopis Hrvatskog saveza za esperanto

julio 2001



Zagrebo ricevas sian Esperanto-Monumenton

Kie manĝi en Zagrebo?

Programo de ĝemelurboj en Zagrebo – salutoj de urbestroj

Postkongreso en Zagrebo: pri lingvoplanado en Kroata Akademio



# KARAJ GASTOJ,

*bonvenon al la 86a Universala Kongreso de Esperanto!*

Ni dankas pro al vi pro la kilometroj kiujn vi trairis por atingi Zagrebon. Se ni adicius ĉiujn viajn




kilometrojn, tio estus impona cifero. Vi ja venas el 56 landoj de la mondo.

Kiam vi havos tiun nian gazeton en la mano jam ekruliĝos la zagreba UK, ekkirliĝos je la 86a fojo la kongresa karuselo. Ni klopodis doni al ĝi iom specifan kroatan etoson kaj meti al la unua UK en la nova jarmilo specifajn kroatajn akcentojn.

Tial ni invitas vin al

- al kroata teatraĵo en la unika Kroata Nacia Teatro, la 26an de julio
- Kroata salono kiu prilumos plurajn facetojn de la kroata kulturo
- Programo de ĝemelaj urboj kun salutoj de urbestroj, ekde la 23a de julio, tagmeze
- Du filmoj el Kroatio en Esperanto
- Speciala atento al invalidoj
- Prezento de japana kimono por publiko
- Postkongreso en Zagrebo: Esperanta kaj Kroata Akademioj pri lingvoplanado

S. Štimec

**Tempo**

Jaro XX numero 2/2001
Gazeto de Kroata Esperanto-Ligo
Aperas laŭeble kvar foje jare
ISSN 0352-1583
Redakcio: Kneza Mislava 11/III, Zagreb, Kroatio
tel: (385 1) 46 17 555, fakso: (385 1) 46 19 373
rete: esperanto@zg. tel. hr
http: pubwww.srce.hr/esperanto/kel
Tiu ĉi numero estas eldonita per helpo de Kroata Ministerio pri kulturo
Kontribuis: Lucija Borčić, Ivo Borovečki, Vladimir Dujnić, Teodora Kučinac, Spomenka Štimec
Tajpis: Milka Đukić
Redaktoris: Spomenka Štimec
Pagitaj reklamoj de restoracioj
Anonctarifo 1/1 paĝo 1000 kn , 1/2 paĝo 500 kn,
Abono
4 numeroj jare 40 kn (10 DEM)
unuopa numero 10 kn (2,5 DEM)
Bv. aldoni sendokostojn 1,5 DEM por ĉiu numero al eksterlando.

# SKULPTAĴO *FUTURO* EN ZAGREBO



Esperanto estas fenomeno mirinda. Multaj homoj diversmaniere kontribuis al ĝi tra la tuta mondo, en lokoj kaj tempoj diversaj. Zagrebo estas nur unu el la lokoj kie Esperanto pulsas.

La plej belan monumenton al Esperanto en Zagrebo postlasis ĝis nun la Universala Kongreso de Esperanto el la jaro 1953 – la Zamenhofstraton de Zagrebo. El la sama tempo datas alia zagreba monumento, sed tiu daŭis nur 40 jarojn – la Esperantaj elsendoj de Radio Zagrebo.

Kion al Zagrebo postlasos la nuna UK? Kio ne estas efemera?

Kaj naskiĝis la ideo, ke zagrebaj esperantistoj meritus monumenton. Kiel ĝi aspektu?

La plej respektinda monumento rilatanta al Esperanto en la moderna tempo, estas tiu kiun kreis Jesper Nergaard, fama dana skulptisto. Lia skulptaĵo *Espero* estis starigita en la urbo Graz, okaze de la centa jubileo de Esperanto en 1987.

Kroatio estas tro malriĉa por aĉeti skulptaĵon de Jesper Nergaard. Ĉu li foje donacis iun sian verkon? Ĉu indus sendi al li fidindan kurieron por enketi ĉu li ŝatus havi sian verkon en iuj el zagrebaj placoj?

La ideo ekruligis kaj... falis sur la bonan grundon. La persono kiu transprenis taskon kontakti kun la dana skulptisto estis Birthe Lapenna. Ŝi konis la faktojn el la jaro 1987 kiam D-ro Ivo Lapenna sugestis al la skulptisto krom *Espero* kreu alian verkon kun titolo *Futuro*. Futuro rilatu al nova jarcento.

Jesper Nergaard volonte akceptis la inviton gasti kun sia skulptaĵo en Zagrebo. Li proponis al Zagrebo sian Futuron. Li pretis donaci 700 horojn de sia skulptista laboro por omaĝi al la zagreba UK. Li petis ke KEL trovu subvencion por aĉeto de la marmoro. KEL devis ankaŭ farigi multajn urbanismajn paperojn. Longas la listo de helpantoj sen kiuj la projekto ne povu realiĝi.

Spomenka Štimec (ideo kaj realigo)

Birthe Lapenna (ĉefhelpanto)

Ministerio pri kulturo, Fako de muzeoj kaj galerioj, Ministra helpanto Branka Šulc, (subvencio por aĉeto de marmoro)

Urba instituto por planado, ark. Mihajlo Kranjc (urbanismaj permesiloj)

Capital ing. – konstrufirmao: ing. Davor Plenković, havigis konstrupermeson

Anonima japana donacinto (subvencio por aĉeto de marmoro)

Anonima kroata donacinto (subvencio por aĉeto de marmoro)

Urba oficejo pri kulturo (subvencio de transporto)

Urba registaro – akcepto de la proponita skulptaĵo

Urba oficejo pri planado – permesdokumentoj

Urba oficejo pri heredaĵo – dokumento pri rajto konstrui en la protektita urbozono

Ekonomia fakultato de Zagrebo (subvencio de muntado)

Ministerio pri renovigo kaj kontruado, ing. Milan Vuković (subvencio pri konstruo de bazo)

Zagrebšped (agentejo por importado: luado de kranoj)

Firmao Kolano (transportado de Carrara ĝis Zagrebo)

Croatia Asekurkompanio – asekuro de transporto

Arta gisfandejo Ujević – Muntado

Kaj ne laste ĵurnalistoj kiuj subtenis la projekton.

S. Štimec

# DANKON AL ĈIUJ KIUJ HELPIS STARIGI FUTURON EN ZAGREBO!

# PRI LA MARMORO DE LA SKULPTAĴO FUTURO

Nur sep kilometrojn for de Ligura maro, montbaze de Apua montaro, troviĝas la konata toskana urbo Carrara (Karara) (de longa pasinteco ĝi famas kiel riĉa eltrovejo de marmoro el kiu estis faritaj la plej elstaraj konstruaĵoj kaj monumentoj de Florenco, Romo, Venecio kaj aliaj italaj urboj). Multaj vidindaĵoj de mondaj ĉefurboj en si havas la eron de la animo de karara marmoro.



Al ŝtonfarejoj de Karara pilgrimis la plej famaj arkitektoj kaj skulptistoj. La genia Mikel-Anĝelo, la plej granda el la italaj skulptistoj kaj arkitektoj de la Renesanco, dum jaroj mem vizitis kararajn montarojn por elekti la taŭgan ŝtonon por skulptaĵoj kiuj multajn jarojn poste ornamos la mondajn muzeojn.

Tial ne mirigas la fakto ke ankaŭ nuntempe jare oni utiligas 200 000 tunojn el karara marmoro en preskaŭ 400 eltrovejoj en ĉirkaŭaĵo de Karara. Multaj ĉizistaj lernejoj kaj la skulptista akademio fondita de Napoleon Bonaparte ankaŭ hodiaŭ instruas eventualajn estontajn Mikel-Anĝelojn kiel eble plej bone efektivigi tiun Dian donacon - kararan marmoron.

Ĝuste el tiu karara marmoro estas farata la skulptaĵo Futuro starigota en Zagrebo kadre de la UK. Dana skulptisto Jesper Neergard diligente laboris por fini la skulptajon ĝustatempe kiel sian donacon al Zagrebo, la unuan eksterlandan monumenton en Zagrebo en la nova jarmilo.

V. Dujnić

# EKONOMIKA FAKULTATO DE ZAGREBA UNIVERSITATO KAJ ESPERANTO

Laŭ la decidoj de urbaj instancoj de Zagrebo, la skulptaĵo honore al la 86a Universala Kongreso de Esperanto estu starigita en la parko antaŭ la Ekonomika Fakultato. Hazarde ĝuste en la Ekonomika Fakultato de la Zagreba Universitato komenciĝis la oficiala instruado de Esperanto en la dudekaj jaroj. La 3-an de julio 1926 la profesora kolegio de la tiama Ekonomik-komerca Altlernejo en Zagrebo, decidis enkonduki la instruadon de Esperanto kaj kiel honorariata preleganto estis elektita d-ro Dušan Maruzzi (1883-1956). Tiu veterano de la kroata esperantistaro estis juristo, ĉefo de la ŝtata statistika oficejo. La instruado daŭris ĝis la komenco de la jaro 1941, kiam la milito malebligis ĝin.

La iniciato por la instruado de Esperanto venis de la tiama ministro de la instruado Stjepan Radić, elstara kroata politikisto, kiu mem lernis la lingvon.

Post la Dua mondmilito la iama altlernejo iĝis Ekonomika Fakultato.

La instruado de Esperanto estis denove enkondukita en la jaro 1955 kiam kiel nova preleganto estis elektita d-ro Ivo Borovečki (1924), kuracisto-radiologo kaj la tiama redaktoro de Esperanto-Fako de Radio Zagreb. Li instruis la lingvon nur unu studjaron ĉar aŭtune de 1956 la registaro lin sendis kiel kuracisto en Etiopion.

De 1956 ĝis 1963 instruis la lingvon d-ro Fran Janjić (1907-1992), kuracisto-fiziologo kaj la konata tradukisto en Esperanton. Elstaras liaj beletraj tradukoj en la verkoj de Dinko Šimunović kaj Ivo Andrić. Malgraŭ la interesa fakto ke en kvar universitatoj en Kroatio (Zagrebo, Rijeka, Osijek kaj Split) aktivis pli ol dudek profesoroj-esperantistoj, Esperanto estis instruata nur en la Zagreba Ekonomika Fakultato. Estas tial interesa kaj iamaniere simbola fakto ke la monumento Futuro honore al Esperanto, altvalora artaĵo far la dana skulptisto Jesper Nergaard, estos starigita sur la placo troviĝanta ĝuste antaŭ la Ekonomika Fakultato.

Ivo Borovečki

# ĜEMELAJ URBOJ SIN PREZENTAS



Lundon, la 23an je la tagmezo okazos renkontiĝo de esperantistoj el ĝemelaj urboj de Zagrebo: esperantistoj el Kioto, Krakovo, Pekino, Brno, Bolonjo, Budapeŝto, Bonaero, Vieno, Lisbono, Pitsburgo, Plovdiv, Mainz, St. Petersburg, Cluj-Napoca, Tromsø kaj Dayton renkontiĝos kun ĵurnalistoj. Ili prezentos la mesaĝojn de siaj urbestroj (anoncitaj estas la mesaĝoj de Kioto kaj Vieno) kaj prezentos siajn programojn dum la kongresa semajno:

**Kurso pri japanstila pakado,**
salono Špicer
Gvidas *Tahira Masako* kaj *Micukaua Sumiko*, Kioto
lundon, mardon, jaŭdon 14-16 h

**Kurso pri florpentrado,**
salono Špicer
(Zagreba tekniko TOMAGO)
Gvidas *Marija Igaly*, tradukas Marta Kovač kaj Sonja Kovač
lundon, mardon kaj jaŭdon 14-16 h

**Pri la monda preĝtago (lumbilda prezento)**
Prezentas *Julia Sigmond*, Cluj-Napoca, Rumanio
mardon, 10 h

**Plovdiv, la kongresurbo de IFEF 2001**
Prezentas *Eva Bojaĝieva*, Plovdiv (antaŭvidita filmo)
mardon 12 h

**La mensa mapo (teorio kaj praktiko)**
Gvidas *Palma Csiszar*
jaŭdon 10 h

**Pri rusaj pentristoj, per lumbildoj**
Prezentas *Natalia Arolovič*
jaŭdon 12 h

# PREZENTO DE JAPANA KIMONO

Kiel fakte aspektas japana kimono? Tion demandis blinda zagreba sinjorino. Unu el 200 japanoj partoprenantaj en la zagreba UK transprenis la taskon prezenti la japanan kimonon al la interesitaj kongresanoj kaj ĵurnalistoj. Okazos du prezentoj, ambaŭ en Hotelo Esplanade, en la klimatizita ruĝa salono "ĉar kimono estas kvazaŭ akvarelo, oni ne rajtas tuŝi ĝin per manoj ŝvitantaj". La kimonon prezentos Kikushima Kazuko-Krizantemo. Helpanto en la salono estas Zdravka Metz. Matene la 27an de julio je la 9a horo, por nevidantaj gastoj kaj ĵurnalistoj. Kun tradukoj. Posttagmeze de 14-16 h por esperantistoj, sen tradukoj.

## Bonvenon al tiu unika dialogo pri kulturo de vestoj!

# RESTAURANT TRNJANKA

## SOMERA TERASO. PROPRA PARKEJO. KLIMATIZITA!

EL LA MENUO

Dalmata fumaĵita ŝinko
Slavonia "kulen"
Ŝinko, boligita hejme
Hejmeskaj supoj
Panerigita fromaĝo
Stange rostita ŝafidaĵo
Ŝafidaĵo de la krado
Bakita anasaĵo kun la zagreba pasto "mlinci"
Bakita meleagraĵo kun la zagreba pasto "mlinci"
Kokidaĵo de la krado
Bifsteko bovida kradrostita
Bovida eskalopo kradrostita
Porkida eskalopo kradrostita
Bovida kotleto kradrostita
Eskalopo el haketita viando
Pljeskavica
Viandpecetoj sur bastoneto - raĵnjiĉi
Ĉevapĉiĉoj
Multspecaj salatoj
Boligitaj legomoj
Diversspecaj dolĉaĵoj
Granda elekto de altkvalitaj kroataj vinoj



# Hotel Esplanade



Murano 2000 Restaurant – novmalfermita luksa restoracio, kiu ofertas elektitajn manĝojn de la monda gastronomio kaj riĉan vinselekton. Klimatizita. Laborohoroj 12-24 h.

Bistro – Francstila, loko kun aparta etoso por etmanĝoj, glaso da vino, eksterordinaraj dolĉaĵoj, fantaziplenaj kokteloj. Laborhoroj - 07-24.



**Hotel Esplanade**, Mihanovićeva 1, 10000 Zagreb, tel. 4466 666

# Hotel International



Hotelo International troviĝas en la koro de la komerca Zagrebo, tute proksime de ambaŭ niaj kongresejoj Koncertejo "Vatroslav Lisinski" kaj Fakultet elektrotehnike i računarstva, nomata FER. De FER ĝi foras nur 100 metrojn. Ĝi proksimas same al Zagreba Foiro kaj Nacia kaj universitata biblioteko kaj staras survoje al Flughaveno. Hotelaj restoracioj estas je via dispono inter 6 kaj 24 h proponante vastan gamon el la kroataj kaj internaciaj menuoj. Faka personaro kaj gastronomia lerteco estas garantio por preparado ĉu de oficialaj festenoj, ĉu de nur etaj manĝoj, vegetaraj manĝoj, kokteloj kaj desertoj. Dum la kongresa semajno ni proponas al vi menuojn ekde 60 kn.

**Ni ĝojas pri via alveno.**

# Mašklin i Lata

10 000 Zagreb, ul. A. Hebranga 11a

☎ 01/4818 273




10 000 Zagreb, Hebrangova 11a, tel. 4818 273

Urbocentre. Mediteranea manĝo. Franca ĉefkuiristo.

Freŝaj marestaĵoj. Rektaj mendoj el Adriatiko.

Nenian frostigitaj ingredienco j. La plej famaj kroataj vinoj, en la etoso de la kelo.

La loko, kie gaste manĝis la UEA - estraro.




Zagreb, Radićeva 42 TEL / FAX : 01 / 481 33 90

**Restaurant Placa. Italstila. Klimatizita.**

**Laborhoroj 9-23 h.**

**Zagreb, Radićeva 42, Tel. 481 3390**

Restoracio **DUBRAVKIN PUT** troviĝas en unu el la plej belaj lokoj de Zagrebo, en la arbaro Tuškanac, en verda oazo tute proksime al la urbocentro. La restoracio konsistas el kovrita parto kiu estas apartigita de la naturaj pejzaĝoj per vitraj muroj de la centsidloka teraso. Oni servas ĉi tie la autentikajn specialaĵojn de Dubrovnik, elektitajn manĝaĵojn el marfiŝoj kaj konkoj.




zdravljak NOVA

## SANA MANĜEJO NOVA

Se vi estas amanto de sanaj vegetaraj manĝoj, venu vizite al NOVA ĉar la integraj nutraĵoj estas ĉe ni riĉigataj per varieco, inventemo kaj frandogusto. Por tiuj kiuj inklinas al japanesko ni proponas ZEN aŭ TAO-Pladon aŭ la tradician manĝon de la Fora Oriento GOMOKU. Sendube vi la unuan fojon ĝuos la frandan kombinaĵon de seitano kaj tofuo a la Cordon Bleu. Se vi laciĝis de la ĝis nun senvarie stangetrostitaj vianepecetej (raĵnjiĉi) gustumu niajn "raĵnjiĉi" sur verda liteto. Niaj makrobiotaj tortigloj sendube surprizos eĉ la rutiniĝintajn meksikanojn. Se vi preferas leĝeran freŝigan varianton mandu Mediterraneo-pastaĵon. Kiel manĝofinon ni proponas al vi kukojn servatajn kun YANNOH-kafo, kiu finfrandigos vian manĝon kaj vin preparos por la plua tagfluo.

La esenca konsisto de niaj receptoj estas senfina kvanto da amo subtenata de la lerta kaj bonkvaliteta kuirado firmigita per la vivovizio de la ekologia estonteco kaj strebo al perfektiĝo. En la ejoj de la Makronova Centro en la Zagreba urbomezo, vin atendas la sana manĝejo ZDRAVLJAK NOVA – oazo de trankvilo kaj senstreĉiĝo.

Situas tie ankaŭ la vendejo BIOVEGA, kie vi povas trovi vastan sortimenton de produktoj akompanataj de baza atestilo, la kosmetikaĵojn de Dro Hauschke, la aromajn plantoleojn Primavera Life kaj grandan libroelekteblon pri nutrado kaj perspektiva ekologia evoluo.

***MAKRONOVA CENTRO***
*10000 Zagreb, Ilica 72/I*
*Tel. 01/484 71 19*
*BIOVEGA, Ilica 72*
*Faks: 01/484 71 17*
*Vendejo de naturaj manĝoj*
*Labortempo:*
*Sana Manĝejo*
*(Zdravljak)*
*NOVA 12.00-22.00*
*Vendejo Biovega:*
*08.00-20.00*
*MAKRONOVA*

BIOVEGA ILICA 72
TRGOVINA PRIRODNE HRANE

# OSIEK-PREMIO

## Krešimir Barković – kandidato por la premio OSIEK 2001

**Krešimir BARKOVIĈ** tradukis
*7.000 TAGOJ EN SIBERIO* de **Karlo ŜTAJNER**
S.A.T., Parizo, Francio, 1983, 496p.



... Sur la dorsa bindpaĝo simpla frazo resumas la enhavon: "La terura sorto de homo, fidela je siaj idealoj". Vi trovas recenzon de ĉi tiu libro en la n-ro 0 de LG. Antaŭ 18 jaroj estis kuraĝe eldoni ĉi tiujn memoraĵojn de kroata komunisto pasinta ĉirkaŭ 7000 tagojn, tio estas preskaŭ 20 jarojn en Sovetiaj gulagoj. Pli surprizige estas, ke la homo restas fidela je siaj komunismaj konvinkoj, ĉiam negadante ke tio kio konstruiĝis en Sovetio estis socialismo. La neprofesia verkado ne malaltigas la valoron de la libro. Eble male: oni sentas malantaŭ la mallerta stilo abismon de vero. [...]

Ni konfesu ke tia libro ne estas banala en niaj rondoj! Laŭstatute memoraĵoj estas premieblaj kaj la lerta tradukisto indas je OSIEK-premio.

*1jul91, LG35, Eugene de ZILAH*

# Lucija Borčić jubileas

### Biografio

**Lucija Borčić** (Borĉiĉ) naskiĝis la 26-an de julio 1921 en Podŝpilje, insulo Vis. Librotenisto kaj administratoro. Dum 20 jaroj, antaŭ la emeritiĝo, oficejestro de la Plastikarta Asocio por Kroatio.

Esperantiĝis en Zagreb en 1940. Ekde 1946 aktivas en la E-societo "Bude Borjan" en Zagreb, kie ŝi plenumis la funkciojn de komitatano, kasisto, sekretario kaj prezidanto kaj laŭ la propra rekta metodo gvidis plurajn elementajn, konversaciajn, progresigajn kaj lingvajn kursojn, prelegis, aktoris, lektoris. En Kroatia Esperanto--Ligo kaj Jugoslavia Esperanto-Federacio plenumis la funkciojn de II sekretario kaj membro de la Ekzamena komisiono. En 1953 kunorganizis la 38-an Universalan Kongreson de Esperanto en Zagreb plenumante plurajn funkciojn.

Ekde 1952 el la kroata tradukas al Esperanto kroatan prozon kaj poezion kaj ekde 1977 verkas originale en Esperanto.

**Libroforme aperis la tradukoj de:**
Antun Šimunić: *Elprovado de la amo* (1985)
Stjepan Planić: *Loĝkulturo* (Osijek, 1985)
Edvard Kardelj: *Socialisma memmastrado* (Sarajevo, 1986)
Ante Vladislavić: *Vestokulturo* (Osijek, 1987)
Yüksel Söylemez: *Amo estas taso da kokidsupo* (traduko el la angla, Zagreb, 1994)
Mile Prpa: *Reĝo de eonoj* (Zagreb, 1993)
Mile Prpa: *Elemento de l' elementoj* (Zagreb, 1995)
Pero Ćimbur: *Mi resanigis PPPetron* (Eldonejo H. Schicke, Germanio, 1995)
Vesna Parun: *La bluoj* (Zagreb, 1999)




**Kuntradukis la verkojn:**
*Jugoslavio kaj ĝiaj popoloj* (JEL, Ljubljana, 1953)
*Kroatia Poezio* (IKS, Zagreb, 1983)
Zora Heide: *Kantoj de l' silento* (Stockholm, 1984)
Ivo Andrić: *Soifo* (ELBIH, Sarajevo, 1988)
*Moderna Bosnia-hercegovina novelo* (ELBIH, Sarajevo, 1989)
*Poemaro de kroatoj en Hungario* (KEU, Zagreb, 1992)
*Izolulo /poemoj de kroataj poetoj en dek kvin lingvoj - tradukitaj el Esperanto/* (IKS, Zagreb, 1993)
*Antologio de kroataj unuaktaj dramoj* (KEL, Zagreb, 1997)
*En tiu terura momento* (KEL, Zagreb, 1998)
*Barkoj el akvo /elektitaj kroataj noveloj/* (IKS, Zagreb, 1998)

**Traduko el Esperanto al la kroata:**
Marjorie Boulton: *Unutra i vani* (aperinta en *Sve dugine boje*, IKS, Zagreb, 1988)

**Tradukis 4 prospektojn pri la urbo Zagreb.**

**Originalaj E-poemoj aperis en:**
*Kroatia Esperanta Poemaro* (IKS, Zagreb, 1991)
*Jubilea versgirlando* (ZEL, Zagreb, 1990)

**Unuopaj originalaj kaj tradukitaj poemoj aperis en**: *La Suda Stelo, Tempo, Voĉo, Velo, Kroata esperantisto, Monato, Fonto, Literatura foiro, Esperanto en Skotlando, Sennacieca revuo.*

**Per artikoloj kontribuis al:** *La Suda Stelo, Esperanto, Heroldo, El Popola Ĉinio, Tempo, Voĉo, Heliko.*

**Redaktis** la lingvajn rubrikojn en *Voĉo* kaj *Tempo*. **Lektoris** la revuojn *Voĉo, Tempo, Kroata esperantisto* kaj plurajn verkojn kaj E-tradukojn de kroataj kaj makedonaj esperantistoj. Post la forpaso de Marinko Gjivoje finredaktis la *Leksikonon de aktivaj jugoslaviaj esperantistoj.*

**Ricevis premion "Clelia Conterno"** por poezio 1985 pro la poemo *Artist' blua.*

Plurjara membro kaj delegito de UEA kaj membro de Esperantista Verkista Asocio.

Lucija Borčić, kroata kandidato por Honora Membro de UEA festos dum la zagreba UK sian 80-an jubileon kaj lanĉos sian unuan poemaron!

Elkorajn gratulojn al Luci!

# KIUN LINGVON VI PAROLAS? ESPERANTON?




Se oni miros pri la lingvo kiun vi parolos en Zagrebo, ne forgesu, ke ni preparis en viaj kongresaj sakoj informilon pri Esperanto en la kroata. Ni inspiriĝis per informilo de la francaj espernatistoj kaj ĉerpis el la spertoj de LKK el Montpeliero. Koran dankon al la francaj kolegoj pro la permeso uzi ilian faldolion. Ni dankas al vi, se per disdono de tiuj faldfolioj, vi helpos al ni pli bone diskonigi Esperanton en Zagrebo. Bonvolu lasi vian krotalingvan faldfolion en restoracioj kie vi manĝos au proponi ĝin kiel informilo al interesitoj.

